# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

*https://translate.google.com/*

**PLENUMITA 02/06/2016 Ducentsepdekdua eldono 02/06/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Estas pli ol **407,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

*Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio*

## 400.000 REGISTRITOJ EN LA ESPERANTO-KURSO ĈE DUOLINGO!



La angla-lingva Esperanto-kurso ĉe Duolingo ĵus atingis la nombron de 400.000 registritaj lernantoj. - Vidu: https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

La hispanlingva kurso estas preskaŭ preta. Registriĝis por ĝi jam 10.563 interesitoj. - Vidu: https://www.duolingo.com/course/eo/es/Learn-Esperanto-Online

La Facebook-grupo Duolingo Esperanto Learners havas 4.170 membrojn: https://www.facebook.com/groups/duolingo.esperanto.learners

Belege vidi tiun grandan sukceson!

Grandan gratulon al la Duolingo-Esperanto-teamo kaj aliaj ĉiuj kontribuantoj por la bona sukceso - multegaj homoj kontribuas ekz. per respondado al demandoj de lernantoj.

Amike

Lu Wunsch-Rolshoven *el [esper-inform]*

*Sendis al la Aŭstraliaj Esperantistoj --Lingvo-Studio / Szilvasi Laszlo, LS <ret-info@esperanto.hu>*

Reagu, komentu en nia fejsbuka pago: http://www.facebook.com/Ret.Info

## 125. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

### F a r i v o r t o j n . H.



La kvina regulo estas, ke la signifo de la nova kunmetaĵo de radikoj konsistu el kvar signiferoj. Ili estas la signifero de la ĉefelemento, kun la aldonita signifero de specialeco, kaj la signifero de la difinanta flankelemento, kaj la signifero de la kutime neesprimata prepozicio inter la ĉef- kaj flankelementoj. Do “tablotuko” signifas “speciala tuko por tabloj”. Se mi

havas sur mia tablo hazardan tukon ne speciale fabrikitan por la tabloj nek normale uzatan kiel tablotukon, ĝi ne estas la aglutinaĵo “tablotuko”, sed la neaglutina “tuko (ne speciala) por la tablo”.

Ĝis nun ni priskribis la kvin regulojn kiuj aplikiĝas al la kreado de vortkunmetaĵoj, unu el la pilaroj de la gramatiko de Esperanto: 1e. bezono; 2e. Fundament’eco; 3e. unuvorteco; 4e. el la du (aŭ pli) elementoj la ĉefelemento situas laste, post la difinantaj kaj reduktantaj elementoj; 5e. krom la kategoria, la vorto konsistas el kvar signiferoj: ĉefelemento kaj ĝia specialeco; reduktanta(j) flankelemento(j), kaj la prepozicio inter la du.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

# La Brisbana Esperanto-Societo



Anoj kunvenas la kvaran sabaton de la monato. 11atm

www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/

Lastan semajnfinon membroj de 'BES' kunvenis ĉe hejmo de Petro & Linda Danzer en Kabultjur (Caboolture) por monata konveno kaj rigardado de biblioteko de mortinta S-ro Alan Towsey. Antaŭe ni ĝuis belegan lunĉon.

Ni ankaŭ vidis videon de la parolado de S-ro Lee Jungkee ĉe Bandung konferenco kaj aŭdis Esperantajn kantojn.

Estas tre ĝuinda posttagmezo. Sendis Petro Danzer



Brisbano-Esperanto-Asociaj anoj Petro Danzer, Caroline Turner, Linda Daniel regardis la bibliotekon de la mortinta Alan Towsey.



Caroline Turner legas leteron de estimata esperantisto Tom O'Grady (kiu nun loĝas en maljunulrezidejon) al S-ino Ness Claus.




Sofia Syros, Presidento Doug Eising kaj Linda Danzer

# La Toowoomba Esperanto-Asocio (TES)

" Dum la unua maja semajno membroj de 'TES' kunvenis ĉe la hejmo de Joff Bell en Clifton, sude de Toowoomba, por monata kunveno.

Joff baldaŭ estos centjarulo! --- Antaŭ la konveno kelkaj membroj vizitis proksiman bonegan bestparkon kaj renkontiĝis pro tio."

Informis Petro Danzer



# Interesaĵoj ĉe vortpluformado.



1e. La signifovasteco. Ĝenerale, kaj nature, aglutine aŭ analize, nove farita vorto havas pli vastan kaj malpli ekzaktan signifon ol ĝia analiza prepozitivo . Ekz. "vortaro" povas signifi "grupon de vortoj" aŭ "ĉiujn vortojn" aŭ "libron de certaj iuj vortoj" ekz. por infanoj aŭ "libron de vortoj kun ilia traduko en alian lingvon", kaj plurajn aliajn nuancojn. La samo okazas en etnaj lingvoj: la germana W'orterbuch (vortojlibro) povus signifi "libron kun grupo de vortoj" (ekz. por infanoj), aŭ "libron kun ĉiuj vortoj de unu lingvo" aŭ "libron kun la germanaj vortoj kun sia traduko en alian lingvon". Kaj la franca "chemin de fer" povus signifi "vojon faritan el fero (anstataŭ asfalto)" aŭ "vojon uzatan por transporti feron el mino" aŭ "vojon konsistantan el feraj reloj por vagonaroj" ktp. Anstataŭ la vortkunmetaĵoj (en la aglutinaj lingvoj) aŭ la vortkombinaĵoj (en la franca, k.t.p.) la originaj prepozitivaj esprimoj estas pli precizaj: "Aro de la vortoj kun sia traduko" kaj "Vojo de reloj por vagonaro" kaj "Aktordramo por la teatro" aŭ "Peco de la teatro" por "une pi'ece de th'e'atre".

Malgraŭ la perdo de signifoprecizeco la lingvoj tamen kreas novajn vortojn kunmetitajn aŭ kombinitajn, ĉar la solvo estas facila. Kio okazas estas la jeno. Unu persono devas esti la unua kiu uzas la novan vortkombinon, por nova nocio. Tiu persono samtempe donas al la nova esprimo, ofte subkonscie, sian celitan signifonuancon kaj la postaj uzantoj aŭtomate akceptas ĝin tia. En Esperanto oni poste ne povas ŝanĝi tiun nuancon, kompreneble, kaj en etnaj lingvoj tio malofte okazas, ekz. en la angla la origine kreita "debatebla" ricevis unue la ĝustan signifon de "necerta", sed oni nun, almenaŭ en Aŭstralio, uzas tiun vorton kun la kontraŭa signifo, nome "certa".

En Esperanto multaj kunmetaĵoj faratis de Zamenhof, kiu do donis al ili la de li celitan nuancon. Tiel li kreis la vorton "vortaro" kun la specifa signifonuanco "Libro kun vortoj kun sia traduko en alian lingvon" nenioiganta ĉiujn aliajn nuancojn. Kiam ni nun kreas novajn kunmetaĵojn ni faras la samon, ofte subkonscie. Do ĉe ekz. "interreto" ni aŭtomate akceptas ĝian signifonuancon, ja en komputiloj, kaj ne ekz. la nuancon "homoj kiuj iel interrilatas ie ajn".

2. La Specialeco. Krom kio menciita ĉi supre, la diferenco en signifo inter la analiza formo, "tuko por la tablo", kaj la sinteza formo, "tablotuko", estas la specialeco de la ĉefelemento en la sinteza formo. Se iun tagon mi ne havas tablotukon, specialan tukon speciale fabrikitan por uzi sur tabloj, mi eble uzas sur la tablo viŝtukon, specialan tukon por viŝi; ĝi ne estas "tablotuko" sed tuko por la tablo. La specialeco ne ĉiam estas klare videbla, precipe ne ĉe alikategoriaĵoj kaj ĉe multaj afiksoj, sed ĝi estas tie. Ĝi klare ĉeestas ĉe sufiksoj kiaj "-et-" kaj "-eg-", ĉar "dometo" kaj "domego" ne estas la samaj kiel "malgranda domo": kaj "granda domo", kaj pro tio havas en la angla specialajn vortojn cottage kaj mansion. speciala speco de malgranda kaj granda domoj. Same eĉ eta kaj ega domoj ne samas kiel dometo kaj domego, ĉar signifas nur dometsimila kaj domegsimila domoj. La signifonuancoj estas en Esperanto almenaŭ same riĉaj kiel en etnaj lingvoj.

3. Alikategoriigo. En miaj gramatikaj lecionetoj mi menciis 1e. ke la signifero de specialeco en kunmetitaĵo ( kaj en kombinaĵo en neaglutinaj lingvoj) devas ĉeesti; 2e. ke kunmetoj de substantivo kun sia adjektivo teorie ne permesiĝas (nek de verbo kun sia adverbo aŭ sia (rekta) objekto); kaj 3e. ke la kunmetoj sub 2e. eblas tuj kiam oni alikategoriigas la substantivon aŭ la verbon. La kaŭzo de la tri kazoj estas, ke ĉe neŝanĝita substantivo aŭ verbo normale mankas la specialeco kaj oni ne plu vidus la diferencon inter la analiza kaj la sinteza formoj: malpuraj ŝuoj kaj malpurŝuoj, kaj korektaj laboroj kaj korektlaboroj kaj domojn vendi kaj domvendi. Sed tuj kiam oni

alikategoriigas, la nocio enhavas signiferon de specialeco: ne fiŝmanĝi sed fiŝmanĝo kaj fiŝmanĝado kaj fiŝmanĝtago. Io simila okazas ekz. ĉe ne "montsur" sed jes "montsura" kaj tial ne "surmonto" sed jes "surmonta" kaj surmontaĵo.

4. La Interrilato. Unu el la signiferoj de kunmetita vorto (kaj eĉ de kombinitaĵo, kiel en la franca) estas la rilato inter la ĉefelemento kaj la flankelemento. En etnaj lingvoj tiu prepozicia rilato neniam estas esprimita (escepte kelkfoje en la moderna angla), sed en Esperanto ĝi povas, kaj kelkfoje devas, esprimati, nome ĉe miskompreneblo. Ekz. la tegmentaĵoj povas esti surtegmentaĵoj aŭ subtegmentaĵoj, kaj lunuloj povas esti uloj kun diversaj rilatoj al la luno; do ni uzas "surlunuloj" se ni referencas al homoj sur nia luno. Notu ke la predikativoj funkcias kiel prepozitivoj, kaj tial povas uzati kiel flankelementoj. Ekz. "Usono eble elektos Trump'on sia prezidisto" povas fariĝi "Eble Usono prezidistelektos Trump'on", kaj Obama restu prezidisto fariĝas Obama prezidistrestu. Sed oni malofte uzas tiajn permesitajn vortkunmetaĵojn.

5. Propraj Substantivoj. Oni normale ne kreas vortkunmetaĵojn kun propraj nomoj. Anstataŭe oni uzas streketon en tiaj kazoj: Zamenhof-eca kaj La tri Motsart-edzinoj. kaj La kontraŭ-Trump-anoj. Ili sekve estas vortkombinaĵoj, formantaj dupoajn (= po du) vortojn. Notu ankaŭ Skotland-Perto = skota Perto kaj Vestrali-Perto = vestralia Perto.

6. Vicordoŝanĝoj. En du kazoj la naturo devigas nin fari escepton al la regulo, ke la ĉefelemento lokiĝas laste (antaŭ la finaĵoj). La natura kaŭzo estas, ke la prepozicioj kaj la pronomoj ĝenerale estas mallongaj kaj tial ne facile, kelkfoje tre malfacile, rekoneblas en la fino de vorto. En la kazo de pronomoj oni nature faris la regulon ke, ĉe nekompreneblo, oni ne uzas pronomon en vortkunmetoj kaj simple uzas la analizan formon, kiel ĉe "Tiu estas libiciklo kaj la alia estas ŝibiciklo (biciklo por ŝi-oj) fariĝas "Tio estas biciklo por viroj kaj la alia por virinoj", forgesante pri knaboj kaj knabinoj. Alia neuzata ekzemplo: "Mi ofte parolas kun la jaĥtli, sed malofte kun la jaĥtŝi". Oni en tiaj kazoj bezonas pli da vortoj. Sed jen kelkaj uzataj: La onidiro; la ĉiesulinoj (kaj la kulture neuzata La ĉiesuloj); la grentiomo; la forirtialo, kaj "Iliero (= li aŭ ŝi aŭ ĝi) mem kaŭzis la akcidenton. La dua kazo de renverso de la normala vicordo estas la prepozicioj, ĉar ankaŭ ili ne plu rekoneblus ĉe pluformado. Tio okazas precipe ĉe la aglutina kunmeto de ĉefelementa prepozicio kun sia, plejofte substantiva, objekto, kiel en "(Ŝipo) sub la ponto > Ŝipo kiu estas sub io, do suba kun la speco de subeco en la flankelemento "ponto", fariĝante la nefacile komprenebla "pontsuba ŝipo" kiu do fariĝas "subponta ŝipo". Nur tre malofte oni renkontas neuzon de tiu renversado, ekzemple en "La marapudaj provincoj de Brazilio" (aŭ la kutima "Brazilo").

7. Internaĵoj. Kvankam mi preferas sekvi la senesceptan regulon, ke interne de vortkunmetaĵo ne povas uzati signifohavaj finaĵoj, ne estas kontraŭregula uzi la, cetere nebezonajn, kategoriajn finaĵojn: blankadoma, pisipoto, vagonarovojo. Mi tamen strikte evitus uzi la pluralan –j kaj la akuzativan –n interne de kunmetaĵoj. Interesas ke la etnaj lingvoj ne uzas, se ili havas, kategoriajn finaĵojn tie, nek eventualajn kazofinaĵojn, sed ne malofte havas flankelementan pluralfinaĵon, se nur por belsoneco. La angla nur kelkfoje, kaj tiukaze malligas la du (aŭ pli) elementojn.

Marcel.Leereveld.

# Ĉu esti aŭ ne esti?

Saluton Roger,

Jen mi trovis monologon de Wm Shakespeare kiun Len Newell tradukis (To be or not to be). Estas la 400a datreveno de la 'Bard" do mi pensas ke estas taŭga memorigi lin.



Amike

Heather Heldzingen

# Ĉu esti aŭ ne esti: jen demando ...(Esperanto)

Ĉu esti aŭ ne esti: jen demando
Kiu plej gravas: ĉu pli noble estas
Suferi en l' anim' la kuglojn, sagojn
De l' violenta sorto, aŭ preninte
armilojn kontraŭ maro da mizero,
Rezisti por ĝin fini? Morti, dormi:
Jen ĉio; kredi, ke per dorm' ni finas
La kor-doloron kaj la mil afliktojn,
Heredon de la karn'; jen sort-plenum'
Eĉ pie dezirinda. Morti, dormi;
Dormi: sed eble sonĝi: aĥ, jen baro:
Ĉar kiaj sonĝoj ĝenos morto-dormon
Post liberiĝ' el ĉi tumulta korpo --
Tio dubigas nin. Jen penso, kiu
Igas nin vivi longe sub aflikto.
Kiu elportus mokojn kaj vipadon
De l' Tempo, la maljuston de tirano,
Ofendojn de l' fieraj, dolor-spasmojn
De amo forpuŝita, atendadon
Por juĝ-decid', insultan arogemon
De funkciuloj, kaj la malestimon
De senindul' por virto pacienca,
Se mem de l' viv' li povus sin kvitigi
Per ponard-frapo; kiu elportus ŝarĝon
De teda vivo, ŝvite kaj ĝemante,
Sen ke la tim' pri io post la mort',
Mistera land', el kies lim' revenas
Neniu vojaĝant', al ni konfuzas
La volon, kaj emigas nin prefere
Elporti la afliktojn suferatajn,
Ol fuĝi al aliaj nespertitaj?
Tiel nin malbravigas funda penso,
Kaj tiel la melankoli' paligas
Malsane la naturan vang-koloron
De l' decidem', kaj pro ĉi konsidero,
Altcelaj entreprenoj devojiĝas
Kaj perdas la agemon...
*Newell, L. N. M.*


Shakespeare's funerary monument, Holy Trinity Church, Stratford Upon Avon

# Gratuloj por mi (Roger Springer) je mia 85a naskiĝtago.

Wow, Roger! Gratulojn, omaĝojn kaj tre sincerajn bondezirojn okaze de via 85-a.
La fotoj de via (ampleksa:-)) familiaro estas belegaj.
Vivu longe, sane kaj ĝojplene. Vera Payne Perto

★★★★

Kara Roger,
Bondezirojn al vi okaze de via 85 datereveno. Pli grandan sukceson! Mikelo Rizo. Sidnejo

★★★★

Bondezirojn, Roger! Renato Corsetti Eŭropo

★★★★

Ege estimata amiko **Roger Springer** Egan saluton el urbego San-Paŭlo!
Nome de la teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV), mi ĝoje dankas pro aperigo de la gratulkarto sendita de ni okaze de via naskiĝtago.
Ni ankaŭ esprimas nian gratulegon pro via bela familio kaj pro la festa renkontiĝo de Vi kun familianoj. Du belegaj fotaĵoj! (la ruĝhara knabeto, kiu vestas blankan t-ĉemizon, estas aparte tre ĉarma!). Refojan gratulon al Vi!
Samideane, fratinece, Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com www.paivanetto.com/eo

★★★★

Saluton Mr Roger Springer,
Koran dankon por e-revuo "Aŭstraliaj Esperantistoj". Kun tiu informo de revuo, mi povus lerni pli pri Esperanto kaj esperantistoj en Aŭstralio, kaj ankaŭ diversaj partoj de la mondo. :)
Koran Dankon :) Non el Tajlando (Phongnarin Sukcham)

★★★★

**Taŭga pentraĵo ĉe la enireja pordo, Esperanto-domo, Sidnejo, pentrita de Brendan Larkin, artisto, ano de EFNSW**



# Estonta interreto



*Image: unbonmotgroundswell.blogspot.com.au*

Oni intencas lanĉi pli ol 4,000 satelitojn en spacon por disponigi interreton al la tuta planedo. Pli ol duoble la tuta nombro de satelitoj en orbito nun.

Se sukcesa, tiu satelitaro - konsistanta el miloj de malgrandaj interreto-pretaj satelitoj - estus kapabla sendrate konekti miliardojn da homoj al la interreto de ie ajn sur nia planedo.

Trovis Roger Springer

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

**Kunvenos Dimanĉon, 5an de Junio Aferkunveno je 11atm**

**Amuzkunveno je 1ptm Ĉiuj estos bonvenaj.**



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

**Kunvenos Sabaton 4an de Junio. Ĉiuj estos bonvenaj.**




**Ian, Eunice, Chris, Roger, Steven, John**

Foto de nia lasta kunveno je 21a Majo



**3ZZZ** La elsendo de la 30a de majo alportas pripensadojn

-pri la lingvo Esperanto danke al la parolado de Marcel kaj la blogo de Jouko Lindstedt

- pri la movado danke al raporto pri AMO seminario en Bandung



Informiĝu en etoso gajigita de kantoj

**La kunvokanto Franciska Toubale**